

# La Skolta Mondo

Organo de Skolta Esperanto-Ligo numero 3-4/2004

600 GESKOLTOJ LERNIS ESPERANTON EN HINDIO

# La Skolta Mondo

**ISSN 0037-6558**
Oficiala Organo de Skolta Esperanto-Ligo n-ro 3-4/2004
The magazine of the Scout Esperanto League
Gazette de la Ligue Scout Esperanto
Gazeta de la Liga de Scouts Esperantistas
-
**Membrokotizo/Abonkotizo**
20% de la UEA-kotizo MJ(T)

**redaktoro:** Roberto Resende

Sugestoj kaj kontaktoj:
etaprinco@yahoo.com.br

Vi mem povas printi la numeron de *La Skolta Mondo* por viaj amikoj, lernejanoj kaj skoltaj gefratoj !



**Printebla versio** en:

www.esperanto.org/skolta/sm.pdf

## En la Reto

**Vortaro por Lupidoj:**

http://www.logos.it/pls/dictionary/new_dictionary.minidic.alfabeto2?code_language=EO&prj_code=10&u_code=4395




*pli ol nur vortoj*



# Enhavo



## JOTI 2005

**Fine de Oktobro ni vigle partoprenis en Interret-Ĵamboreo (16-a k. 17-a de Oktobro).**
**Finfine ni sukcesis lokon en la centra reta informa TTTejo http://www.joti.org**
**Krom la aldono de Esperanto-paĝo, la ĉijara novaĵo estis la ebleco interparoli kun la partoprenantoj pere de la programo "Teamparolo".**
**Miloj vidis la nomon Esperanto inter la diversaj lingvo-eblecoj.**

# Skolta Esperanto-Ligo

**fondita en 1918**



Centra TTTejo: http://ttt.esperanto.org/skolta
Diskut-listo: skolta-esperanto-ligo@yahoogroups.com
**Estraro** **prezidanto**: Franco Abriani, Via Falconetto 24, I 37131 Verona VR, Italio **ĝenerala sekretario**: Hector Campos G., Casilla Postal 231 Curico, 7ª region, Ĉilio <mochila@terra.cl> **kasisto**: David H. Withey, 1 Brookfield Ave, Waterloo, Liverpool, Britio L22 3YE

**Reto de Reprezentantoj**

**Aŭstralio**: Kep Enderby, 2 Phoebe st., Balmain Sydney 2041 <kependerby@bigpond.com> **Aŭstrio**: S-ro Martin Báhr, Rasumofskygasse 2 /26, A-1030 Wien <mbaehr@stuts.org> **Belgio**: S-r o Arie Bouman. Driesdreef 8. B-9030 Gent, tel./fakso +32-9-227 48 41 **Brazilo**: Eluizio B. Rodrigues, R. P. Horacio M. Camargo, 120 / 14 , 18048-105 - Sorocaba (SP) <eluiziobueno@bol.com.br> **Britio**: S-ro David H. Withey, 21 Brookfleld Avenue, Waterloo Liverpool, L22 3YE, tel. (0)151 928 2936 **Bulgario**: D-ro Inĝ . Ĥristo Mandev, bul. Mogilev 2 II 19, Gabrovo 5306, tel. +359-66-23647 **ĉeĥio**: S-ro Pavel Sittauer, Hartmannova 1128. CS-67401 Trebiĉ, tel (0)618-21909 **Ĉilio**: S-ro Hector Campos Grez, Casilla de Correos 231, Curico, tel (oficeja) +56-75-315377 (hejma) -310382, <mochila@terra.cl> **Danio**: S-ro Bjarke Nielsen , Erdalsvej 30., DK-2600 Glostrup, tel. 43 968973 **Finnlando**: S-ino Carola Antskog, Mattkárr, FIN 25700 Kimito, tel. ±358-2-4213133 fakso (hejma): +358-2-423246. **Francio**: NR: S- ro Samuel Gaillard, 50, Avenue du Livradois, F-63800 Cournon-d'Auvergne. tel. +33-73-84.31.31 fakso: -34.77.20 <goelano@mconn.com.fr> **Hispanio**: Luis Gilpérez Fraile, Calle Alonso de Pineda 28, E 41007 Sevilla, tel (labora) 954570849 <luis@riskoes.com> **Hungario**: S-ro Aleksandro Pesti, Tó-u 20, H-6723 Szeged **Italio**: S-ro Franco Abriani, Via Falconetto 24, I-37131 Verona VR, tel.: +3945.525173 **Japanio**: F-ino Fumiko Kamaĉi, 3-4-4 Kasumigaoka, Sakai, Osaka, <BXL00154@nifty.ne.jp> **Kanariaj Insuloj:** Miguel (Luma Birdo) Cno. Verde, 101(Las Mercedes), 38293 La Laguna , Tenerife <lumabirdo@yahoo.es> **Kazaĥio**: S-ro Kabjan Edelbay, 637000 Pavlodar. Glavpost, DO BOCT, Kazakhstan **Koreio**: LEE Seung Yun (HL10DL/Junĉjo), Hwigyong-l Dong, Seul Garden Apt. 909, Dongdaemun (130-092), Seoul, <amiko@chollian.dacom.co.kr> **Kostariko**: S-ro Marvin Segura, Aptdo 1913 San Jose, tel. (01) 585561 **Luksemburgo**: S-ro Guido Ricci, 98 rue des Trevires, L-2628 Luxembourg, tel. +352495052 <sabina.guido@tiscali.be> **Nederlando**: S-ro J.K. Hammer, Taxusstraat 7, NL 1505 AA Zaandam tel. (0)75-6166931 <ko.hammer@planet.nl> **Norvegio**: P: Norvega Esperantista Ligo, Olaf Schous vei 18 N-0572 OSLO telefono/fakso: 22350894 <esp.oslo@s.no> **Nov-Zelando**: S-ino Gwenda Sutton, 12c Herhert Gardens, 186 The Terrace, Wellington 6001, tel. +64-4-4730847, fakso –4730848 <Sir_Lancelot@compuserve.com> <100235.3407@compuserve.com> **Pollando**: S-ro Jaroslaw A.Fotyga, ul. Hamesie 21/34, PL-2O-857 Lublin. tel. +48-81-711065 <upfotyga@klio.umcs.lublin.pl> **Slovakio**: Inĝ. Miroslav Havranek, P.O.Box 161, SK-83100 Bratislava, tel. +42-7-5332120 **Srilanko**: S-ro Roland Peries, 4 Sri Vijaya Road, Colombo 6 **Svedio**: kiel Finnlando **Usono**: S-ro Allan E. Fineberg, 28-24 Sherman Place, Fair Lawn, New Jersey 07410-4208, tel. 201/797-4884 fakso: 201/797-4984 <skolto@yahoo.com> #

# 12-a TutAmerika Ĵamboreo

De la 8-a ĝis la 16-a de januaro 2005, okazos la 12-a TutAmerika Skolta Ĵamboreo. Ĉirkaŭ 6000 geskoltoj inter 11aĝa kaj 17aĝa el ĉiuj Amerikaj landoj , kaj kelkaj invititaj el Italio, Britio, Hispanio, kaj Portugalio loĝos kune, fratece, meze la bela natura pejzaĝo de la Mendosa-provinco en la okcidento de Argentino.

## "La urbo de l' Espero"

En la "Parko Johano Domingo Perón", loko 3 kilometrojn for de la urbo San Rafael, en la Mendosa–provinco, oni muntos grandan urbon, por ke la skoltoj vivu neforgeseblan tendaron. Sed, kie pecize situas la urbo San Rafael?. Jen la mapo, por la scivolemaj kaj ĉeestontoj:

San-Rafael estas je 1000 kilometroj de Bonaero, la ĉefurbo de Argentino, kaj 250 kilometrojn de la Mendosa-ĉefurbo.



# Kalendaro

## Internaciaj Skoltaj Aranĝoj en 2004

| | | |
|---|---|---|
| **Arabio** | 27 Nov – 02 Dec | 24-a Skolta Araba Konferenco |
| **Argentinio** | 8-16 Januaro 2005 | 12-a TutAmerika Ĵamboreo |
| **Aŭstralio** | Dec '04 – Jan '05 | 16-a Aŭstralia Roverado |
| **Belgio** | 12-17 Junio 2005 | 14-a Monda Konferenco pri Internacia Skolt(in)a Amikeco |
| **Bruneio** | 6-11 Decembro | 21-a Azi-Pacifika Skolta Konferenco |
| **Ĉinio** | 30 Jul – 04 Aŭg | 12-a Monda Skolta Roverado |
| **Egiptio** | 25-29 Oktobro | 4-a Ĝenerala Asembleo de l' Monda Parlamenta Unuiĝo pri Skoltismo |
| **Hindio** | 16-25 Februaro 2005 | 7-a Internacia Aventur-Programo |
| **Mongolio** | 1-7 Aŭgusto | 2-a Mongolia Rover-Kunveno |
| **Nederlando** | 26 Julio – 5 Aŭgusto | Nacia Ĵamboreo |
| **NovZelando** | 30 Dec – 07 Jan '05 | 17-a Nov-Zelanda Skolta Ĵamboreo |
| **Mozambiko** | 27 Dec – 7 Jan '05 | 5-a Afrika Ĵamboreo |
| **Makedonio** | Julio – Aŭgusto | 9-a Smotra Na Izvidnici, Nacia Ĵamboreo |
| **Usono** | 1-8 Aŭgusto | Miŝigan-Internacia Kamporeo 2004 |
| **Tutmonde** | 16-17 Oktobro | 46-a Tutmonda Skolta JOTA www.scout.org/jota |
| **Tutmonde** | 16-17 Oktobro | Ret-Ĵamboreo (JOTI) http://www.joti.net/ |
| **Tutmonde** | 21 Septembro | Internacia Tago de la Paco |



**La tri ĉefaj temoj estos:** daŭrigo de la pasinta numero

"Esplorante la riverojn kaj la montojn": Ĉi-tage, la skoltoj ĝuos la naturon, la puran aeron, por vivi grandan aventuron. Inter pluraj agadoj mi povas mencii ke la skoltoj povos grimpi, remboati sekure, adrenaline en la Atuel-rivero, aŭ promeni en la "Sierra de las Chinchillas", spektante la bestojn, kaj la naturan pejzaĝon de la regiono.

"Vojaĝantoj de la Espero": Emocia ludo rilate al la temo de la Ĵamboreo. Tie, ĉiu patrolo povos pruvi siajn lertaĵojn.

"Vilaĝo Mondo de la Evoluo": La skoltoj elektos la sekvontajn "oficejojn": *Tio, kion la tero donas al ni,* vizitadoj al industriejoj, plantejoj, kie la skoltoj povos partopreni aktive kun la lokaj laboruloj.
*Komuna Servo*, estos ĉirkaŭ 20 ŝancoj por ke la skoltoj laboru kun la San Rafael-urbanoj en la bonagadoj. Ŝanco ne nur por labori por la paco, sed, ankaŭ por koni homojn kaj la lokan kulturon.
*Tago por la interŝanĝo*, la lasta tago de la Ĵamboreo de la Espero, estos tute dediĉita al la vera renkonto de pluraj kulturoj. Unu vera foiro por la muziko, manfaritaĵoj, bongustaĵoj, kaj dancoj.
Ĉio finiĝos en la vespero, per la Festo de la Fermo.

Skolta Esperanto-Ligo sukcesis sempagan budon en la evento, kaj ni antaŭias grandan sukceson diskonigante pri Esperanto kaj ĝiaj rilatoj kun Skoltismo.



# Centoj en Bangaloro (Hindio)





Uzante la eblojn Venkatesh Reddy, esperantisto kaj skolta funkciulo en sudhinda urbo Bangaloro, aranĝis serion da 10- tagaj kursoj por la ge-geskoltoj de la lo-kaj lernejoj Stella Maris, Cluny, Nirmala Rani, Goodwill kaj Florence.
La instruistoj estis Trevor Steele (la pasinta ĝenerala direktoro de la CO de UEA) kaj lia edzino Katja B. Steele. ( sur la fotoj )
La kursfinintoj ricevis atestilon, kies disdonado iĝis ĉiufoje festo ku multe da fotado. Venkatesh Reddy klopodas aligi al UEA po unu ju-nulo el ĉiu lernejo. Tiuj estu la informpludonantoj kaj organizantoj en siaj lokoj. La skolta kadro certigas renkontiĝeblon kaj daŭran kon-takton inter la E-novuloj kaj ilia ĉef-organizanto.

# Ĉe la Olimpikoj kaj sur la monto *Everest*



En la 20-a de Majo, S-ro Andre Bredenkamp portis la flagon de Skoltismo kaj de Sud-Afrika Skolta Asocio al la pinto de la monto ***Everest***, ĉe la tegmento de la mondo.

Per speciala permeso Sud-Afrika Skolt-Asocio rajtigis al ni la aperigon de la foto en ***LSM***. Dankon!

En la tago de la malfermo de la Olimpikoj en Grekio, la torĉo estis portita de Dr-ino Marie-Louise Correa, Prezidanto de la Monda Skolta Comitato.

La torĉo estis portita ĉirkaŭ la mondo de 11 mil torĉportistoj al la 2004-a Atena Olimpiko.

Ŝi deklaris: "Esti invitita porti la Olimpikan Flamon estas granda honoro por mi, kaj mi dankas ilin rekoni la similecojn inter la Olimpikaj idealoj kaj tiuj de la Skolta Movado."

Dr-ino Correa estas kuracistino en Senegalio, Afriko.





#